**Hamburganoj survoje en Esperantujo:**
Varbado en Eppendorf (Peggy Ley) kaj
Ashausen (Frank Merla), vizito de jubileo en Schwerin

# Festo de Kulturoj

**Ashausen (jwu).** Frank Merla organizis Esperanto-standon en la *Festo de Kulturoj* kiu okazis en la vilaĝo Ashausen ĉe Winsen. Ok HES-membroj vizitis la feston. Apud informoj ankaŭ okazis kulturaj prezentaĵoj kaj aro da standoj ofertis internaciajn manĝaĵojn. Sur tabulo troviĝis informoj, el kiuj landoj venas la enloĝantoj de la vilaĝo. Montriĝas ke proksime al Hamburg eĉ en vilaĝoj vivas homoj el dudek nacioj. Do la decido, tie prezenti Esperanton estis tute prava.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Esperanto Hamburg
n-ro 6/2005: 15-09-2005

**Sentenco**

Fromaĝo estas senkosta
nur en muskaptilo

*N. N.*

**Karaj legantoj,**
dum la pasinta estrarkunsido de HES, Christian Darbellay, komisiito de GEA, diris, ke ankoraŭ estas multa tempo ĝis 2007, kiam okazu la Germana Esperanto-Kongreso en Hamburg. Sed la hamburganoj ne opinias, ke oni povas tro frue komenci organizadon, precipe varbadon.
Ni volas intensan varbadon por *Hamburg 2007* en interreto, enlandaj kaj eksterlandaj gazetoj. Ni intence ne varbas por **GEK 2007**, ĉar ĝi ne estu nur por la membroj de GEA.
*Hamburg 2007* estu evento, dum kiu ankaŭ okazu la jarkunveno de GEA, sed ne nur tio.
Ni havas la avantaĝon, ke nia urbo estas konata kaj turisme alloga. Sed ĉu Hamburg ne estos multekosta? Per frua planado ankaŭ en Hamburg eblas organizi kongreson je modera prezo. Eĉ bonaj hoteloj ebligas konsiderindan rabaton al grupo de cent homoj (venu pli ol 100!). La serĉado pri hotelo jam komenciĝis; ĝi certe ne troviĝu en la periferio, sed en rapide kaj facile atingebla distanco, aŭ en la urbocentro.

*Benno Klehr*

**Nia programo**

| **Aŭgusto** | **Septembro** |
|---|---|
| **4 Pri *Paul Köster*:** | **1 18:00 estrarkunsido** |

| | |
|---|---|
| **per Esperanto tra Eŭropo** (1931-33)<br><br>**11 Raporto pri UK en en Vilnius**<br><br>**18** *Ralph Glomp*:<br>**Prezentado de novaj kantoj kaj KD**<br><br>**25** *Herr Jasiulevicius*:<br>**ZDF-Diskussion: welche Sprache spricht Europa?**<br><br>**26 Komenco de Du und Deine Welt** | **20:00 Lingvaj Ludoj**<br><br>**5 Schnupperkurs (18:30 h Kulturhaus Eppendorf**<br><br>**8** *Sylwia Pöhlmann*:<br>**Raportoj pri IJK**<br><br>**15 Programplanado por GEK 2007**<br><br>**18** *Ralph Glomp*:<br>**Fabeloj de Andersen**<br><br>**29 Diskuto pri aktuala politiko** |

### Prelego pri ekonomio en Litovio

La 23an de Junio Valerijus Jasiulevicius, ekonomia komisiito de Litovio en Hamburg, prezentis sian hejmlandon. La ĉeestantoj eksciis pri la impona evoluo de la lando dum la pasintaj 15 jaroj. Certe, la nivelo de salajroj estas malalta, sed la ekonimio de Litovio jam superas ĉiujn najbarajn eks-sovetajn landojn. Vere estis interesa prelego.

## Du und Deine Welt: 26.8.- 4.9.2005

Por la granda ekspozicio en "Messehallen" ni bezonas helpantojn. Speciale bonvenaj estas helpantoj dum normalaj labortagoj, kiam niaj aliaj aktivuloj estas profesie okupataj, 10-14 h aŭ 14-18 h. Anonciĝu ĉe *Benno Klehr* aŭ en la klubejo.

### Ni gratulis en Schwerin

Antaŭ cent jaroj Esperanto unuafoje aŭdi□ en Schwerin.
Jen kaŭzo por jubilei! La esperantistoj tie invitis por festi la daton kaj inter la 60 ĉeestantoj estis 14 gratulantoj el Hamburg. La movado en Meklenburgio-Antaŭpomerio "LAMA" ĝuas la avantaĝon de membro kun profunda intereso pri la historio kaj kun la kapablo prezenti ties rezultojn. Do ni ricevis informriĉan broŝuregon kaj vidis bonan filmon.
Evidentiĝis, ke la rilatoj inter la Esperanto-grupoj de Hamburg kaj Schwerin estas malnovaj - interrompitaj nur de la diktatoroj, sed tuj reaktivigitaj post 1989. La jubilea programo estis varia, kun prelegoj, manĝo kaj dancprezentado kaj kun abunda tempo por babili kaj interŝanĝi memorojn pri komunaj travivaĵoj. HES donacis kvar kongreskotizojn por la Germana Esperanto-Kongreso 2007 en Hamburg.
En 2006 la Esperanto-grupo Bremen festos sian centjariĝon.
Ankaŭ tien ni hamburganoj veturu amase!

*Werner Bormann*

## Esperanto Hamburg Nord

Dum la semajnfino de 25a kaj 26a de Junio okazis tradicia kvartla festo sur Eppendorfer Landstraße. Jam dum pluraj jaroj *Delia Pick* organizis Esperanto-standon tie. En tiu ĉi jaro *Peggy Ley* organizis standon kune kun aliaj membroj. Okazis multaj interesaj interparoloj kaj multaj pasantoj rememoris ke tiu Esperanto-stando ankaŭ dum pasintaj jaroj troviĝis tie. Al la provleciono (Schnupperkurs) kiu okazis lundon vespere tamen ne venis interesitoj.
Post la ekspozicio Du und Deine Welt de nove okazos provleciono en la kulturdomo en Eppendorf.
SCHNUPPERKURS: Montag, 5.9. • 18:30 h • Kulturhaus Eppendorf
KURSBEGINN: Montag, 12.9. • 18:30 h • Kulturhaus Eppendorf
Peggy Ley

Re al Esperanto en Hamburg